

# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO XVII - Nº 235-236 SEPTIEMBRE-DICIEMBRE 1979

Kalina Pienkiewicz kaj Zbigniew Dobrzynski, membroj de Pola Esperanto Teatro ludis dum la 39-a H.E.K. la teatran verkon «Hipnoto».

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

DIRECTORA:
Dª Mª Aurora Viloria Nieto

DIRECCION Y ADMINISTRACION:
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

REDACTOR JEFE:
D. Salvador Aragay Galbany
Bassegoda, 40 - Telf. (93) 2401428
BARCELONA-28

COMITE DE REDACCION:
D. Llibert Puig
D. Giordano Moyá
D. V. Hernández Llusera
D. Gabriel Mora y Arana
D. Pedro Nuez

*La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.*

Depósito Legal: VA. 616.—1978
Gráf. Andrés Martín, S. A. - Juan Mambrilla, 9 - Valladolid

# UTILAJ ADRESOJ

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

**Prezidantino**

Mª Rafaela Urueña Alvarez
Avda. Ramón y Cajal, 12-2º-C
Télf. (983) 260086
VALLADOLID

**Sekretario**

Luis Hernández García
adreso kiel supre

**Kasistino**

Carmen Conde Labajo
Calixto Valverde 8-8º-A
VALLADOLID

Pagoj sendu al nia Konto
Nº 001.664-0
Caja de Ahorros Popular
Ag. Urbana E.
A. Lorenzo Hurtado, 1
VALLADOLID

LIBRO-SERVO DE H.E.F.

Jacinto Urueña Antón
Dos de Mayo, 4
VALLADOLID

Pagoj por Libro-servo, sendu al
Caja de Ahorros Popular
Oficina Central
Cuenta Nº 042.268-4 a nombre de
LIBRO-SERVO DE H.E.F.
VALLADOLID

ELDONA FAKO

Inés Gastón
Pº Marina Moreno, 35-4º
ZARAGOZA-1

INFORMA FAKO

Ramón Molera
Sta. Joaquina, 13
MOYA (Barcelona)

ĈEFDELEGITO DE UEA

Juan Azcuénaga Vierna
Capitán Palacios, 3-4º-N
SANTANDER

# 39-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## (Gijón 16-a 21-a de Julio 1979-a)

Ni revenis al Gijón dudek kvar jarojn post la alia Kongreso. Kiom da bonaj amikoj ni perdis de tiam! Stranga sento de doloro ombrumas nian animon pro la manko de tiuj fidelaj samideanoj kiuj tiam akompanis nin en tiu-ĉi bela urbo; sed la Vivo falcas konstante, senkompate, senindulge... sed ankaŭ pro la Vivo novaj semoj ĝermas kaj la nunjara kongreso registris preskaŭ tri cent aliĝilojn. Inter ili estis pluraj alilandanoj.

**La 16-an de julio.**—Postagmeze komenciĝis la disdonado de dokumentoj en la Kongresejo. De post tiu momento estis oftaj la surprizaj renkontiĝoj kun malnovaj amikoj, kiujn nur por la kongreso ni revidas. Je la 18-a h. inaŭguriĝis ekspozicio de Esperantaĵoj, kiu celas precipe la neadeptojn, la eksterulojn. Sinceran dankon al organizintoj kaj kunhelpintoj! Sekvis la tradicia Interkonatiĝa Vespero, unu el la plej agrablaj programeroj kiujn ni ĝuas



**Gepartoprenantoj en la Kongreso rigardas la Esperantan ekspozicion**

sen formalaĵoj, en libereco. La interŝanĝo de informoj familiaj aŭ pri esperantaj iel reaktualigas la konsiston de nia granda familio.

**La 17-an de julio.**—En la teatro de la kongresejo, antaŭ la tagmezo, okazis la Solena Inaŭguro. Honoris nin per sia ĉeesto Lia Moŝto S-ro José Manuel Palacio, Urbestro de Gijón; Lia Moŝto S-ro Barraco, Provinca Delegito de la Ministrejo pri Kulturo; Lia Moŝto S-ro Bárcena, Delegito pri Kulturo de la Gijona Magistrato; kaj Lia Moŝto S-ro Rodrigo Artime, Direktoro de la Katedro Jovellanos.

Unue S-ro Mulas, Prezidanto de la L. K. K., parolis dankante al la gekongresanoj pro ilia ĉeesto, kaj rememorante la forpasintajn asturiajn gesamideanojn. Sekve la Sekretario de H.E.F. alvokis la reprezentantojn de la Esperanto-Grupoj por ke ili salutu la kongreson. Poste, salutis la jenaj eksterlandaj samideanoj: S-ro Ángel Corral de Argentino; S-ino Plamenka Vankova, de Bulgario; S-ino Kalina Pienkiewicz, de Pollando; S-ino Olga Almeida, de Portugalujo; S-ro Gian Carlo Fighiera, de Italio; kaj S-ino Ada Fighiera Sikorska, Redaktorino de «Heroldo de Esperanto». Fine salutis la reprezentantoj de diversaj fakaj organizoj (I.L.E.I., H.E.F.A., M.E.M., ILERA, k.t.p.).

Sekve, la Prezidantino de la Hispana Federacio de Esperanto, D-rino M-a Rafaela Urueña, per nelonga paralodeto en hispana lingvo esprimis la



**S-ro Puig salutas dum la Inaŭguro**



**S-ino Ada Fighiera salutas dum la Malfermo de la Kongreso**

signifon de niaj kongresoj, la celon de Esperanto kaj ŝi prezentis tre instruan temon pri la aĝo de la lingvoj, el kio rezultis ke Esperanto, kun siaj 92 jaroj, estas nur bebo. Mi tre esperas ke la tutan paroladon ni povos legi ĉu en Boletín, ĉu aparte.

Tuj poste per afablaj vortoj bonvenigaj Lia Moŝto S-ro Barraco, Delegito pri Kulturo, deklaris la kongreson inaŭguritan.

Posttagmeze okazis la laborkunsido de la Estraro de H. E. F. kun la delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj por prepari la Ĝeneralan Kunvenon. La prelegon en Esperanto en la teatro de la kongresejo faris S-ro Llibert Puig, prezidanto de Centro de Esperanto Sabadell, ĉar Profesoro S-ro Juan Régulo Pérez ne povis alveturi. La temo estis «Esperanto kiel intergenta lingvo». S-ro Puig malvolvis la temon tre kompetente kaj tre klare. Li reliefigis la bedaŭrindan staton de la minoritataj lingvoj kaj akcentis la rolon de Esperanto kiel justa solvo al intergentaj lingvaj problemoj. Varmaj aplaŭdoj premiis lian klaran pritrakton.

**18-an de julio.**—Matene kunsidis la diversaj sekcioj de H. E. F. kaj ankaŭ tiuj de la hispana sekcio de la Mondpaca Esperanto Movado, kaj Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj.

Tagmeze okazis la Oficiala Akcepto en la Urbodomo. Lia Moŝto S-ro Manuel Palacio, Urbestro, bonvenigis nin kiaj deziris al ni agrablan restadon

en la urbo. Danke respondis nia Prezidantino S-ino M-a Rafaela Urueña menciante la gastamecon de Gijón kaj la pionirojn de nia entrepreno en Asturias. Posttagmeze okazis la Oficiala Inaŭguro de strato «Esperanto». Ni kolektiĝis tie sed io fuŝetis la inaŭguran ceremonion, ekster la volo kaj povo de la Organiza Komitato. Mankis la ordo kaj la soleneco kiujn ni spertis aliloke. Tamen la strata nomo restas tie kiel pruvo ke Esperanto vivas.

Okazis la ekzamenoj pri scio de Esperanto; la rezulton legu aparte.

Fine gajigis nin en la teatro de la Labora Universitato la «Polifónica» kaj «Grupo Coros y Danzas», kiuj per sia lerteco, per sia arto kaj ĉarmo ravis nin. Longa aplaŭdado esprimis la ĝeneralan kontentecon.



**La Prezidantino de H.E.F. estas intervjuata de ĵurnalistino**

**La 19-an de julio.**—Ni ekskursis al Covadonga, tiu grava loko en la historio de nia lando. Grava kaj bela. La milda klimato kun sia pluvemo verdigas intense la tutan grundon ĝis miriga grado; verdeca panoramo nekonata de tiuj loĝantoj de preskaŭ senpluvaj regionoj. Tagmeze okazis la Diservo. Kuncelebris ĝin pastro Patricio de Fuentes kaj pastro Alfredo Cortina. La infana ĥoro de la Baziliko de Covadonga kantis en Esperanto religiajn kantojn. La epistolon legis Susana Mulas, ĉarma filineto de S-ro Santiago Mulas, prezidanto de la Organiza Komitato.

Sekvis vizito de la «Kaverno de Tito Bustillo» apud Ribadesella, malkovrita antaŭ nelonge. Gravega kaverno, kie muraj pentraĵoj miljaraj atestas ke niaj pra-prauloj senmaŝinaj, sendomaj, senmonaj, sen... estis jam homoj tre talentaj. Ili loĝis kaj pentris lerte en malluma, malseka, maloportuna kaverno. Kontraste, nia nuna generacio, kiu ĝuas la sumon kaj la rezulton de la homa penado dum miloj kaj miloj da jaroj, grumble plendas, minacas kaj ribelas eĉ pro nekonsiderinda bagatelo. De tie ni veturis al fabriko «El Gaitero» apud Villaviciosa, kie ni vizitis la instalaĵojn por la produktado de cidro. Imponaj, grandaj tinoj, altegaj, tre nombraj... kiom da suko! El ĝi ni povis trinki iom kiel afablaĵo de la fabrikestroj.

**La 20-an de julio.**—Post la vizitado de la preromanikaj monumentoj de Oviedo, en ĝia Universitato prelegis en hispana lingvo la Prezidantino de nia Federacio. S-ino María Rafaela Urueña, profesorino pri Internacia Juro en la Universitato de Valladolid. Per flua kaj agrabla parolo ŝi prezentis tre interesan kaj dokumentitan prelegon pri «*Esperanto y los Organismos Internacionales Europeos*». Je la fino de sia parolado, la aŭskultantaro forte aplaŭdis kaj eĉ kelkaj gratulis ŝin tre sincere kaj petis la publikigon de la prelego. Ni



**Gepartoprenantoj en la ekskurso, antaŭ la Baziliko Kovadonga**



**Kelkaj gepartoprenantoj en la E.-ekzamenoj kun la profesoroj kaj la Prezidantino de H.E.F. dum la vizito al la cidrofabriko**

esperas ke tio okazos. Akceptis nin tie, tre afable, Lia Moŝto S-ro Teodoro López Cuesta, Rektoro de la Universitato de Oviedo, kiu dezirante al ni sunkceson kaj feliĉan restadon en la urbo, ekskuzis sian neeblecon akompani nin pro profesia devo.

Dum la plej granda parto de la gekongresanoj vizitis la Katedralon, Lia Urbestra Moŝto S-ro Luis Riera Posada, tre amike akceptis la Prezidantinon kaj Sekretarion de nia Federacio, kun membroj de la Organiza kongresa komitato. Tre interesa interparolo el kiu eble rezultos ke Oviedo havos straton kun nomo Esperanto.

Postagmeze okazis la Ĝenerala Ordinara Kunsido de H. E. F. Tiun malfermis la Prezidantino de H. E. F. kaj sekve, S-ro Hernández legis la Akton de la pasintjara kongreso en León kiu estis aprobata. Ankaŭ oni aprobis la kontojn kaj la raporton pri la agado dum la lasta periodo. Vidu ĝin aparte. Sekve la Prezidanto de H. E. F. A. legis la jaran raporton pri la agado de la sekcio, poste S-ro Casquero proponis Madrid-on kiel kongresurbo por la venonta jaro.

Fine, la eksprezidanto de H. E. J. S. prezentis raporton pri la situacio (tre kriza) de la junulara sekcio de nia Federacio. La kunveno finis je la 19,10 h.

Post eta paŭzo, komencis la neordinaran kunsidon de H. E. F. kiu celis la modifojn de kelkaj artikoloj de nia Regularo, kiuj post serioza studado estis aprobataj.

Fine de la tago jen la oficiala bankedo en restoracio «Bella Vista». Kiel ĉiam tiu programero estas la plej suk... cesa, do la plej suka. Mi devas mencii la vigligan intervenon de la afabla samideano Fred. Alberik, ĉiam kapable kaj spontane preta por helpo aŭ amuzo.

**La 21-an de julio.**—Matene okazis la visito de la Muzeo Jovellanos. Akceptis nin tre afable ĝia Direktoro kaj la muzeaj ĉiĉeronoj montris kaj informis nin pri ĝia tre interesa enhavo.

La geaktoroj de la Pola Esperanto Teatro S-ro. Zbigniew Dobrzynski kaj S-ino Kalina Pienkiewicz ludis postagmeze sian rolon tre facile kaj nature. Ili prezentis la verkon «Hipnoto» en esperanto; bedaŭrinde ni (almenau mi) ne povis plene ĝui la teatraĵon pro la salonakustiko, kiu malfavore efikis fuŝante la senrompan komprenadon. Ili ambaŭ ja meritis longan aplaŭdadon.

Sevkis la Fermo de la Kongreso, la lasta Solenaĵo de nia kolektiĝo en Gijón, la oficiala ĉesigo de nia kunestado. Restis tamen ankoraŭ la lasta programero: La gaja «Espiĉa», tiu regiona speciala manĝeto kun multe da cidro, en la Asturia Vilaĝo, kie folklora trupo prezentis al ni sian arton nome; viglajn kantojn kaj dancojn en brilkoloraj kostumoj.

Sekvis manpremoj, «ĝisrevidoj», bondeziroj, admonoj plu persisti sur la ĝusta vojo, konstante frapante... ĝis la proksima jaro. Mia lasta penso iras al la Organiza Komitato kaj al la helpintoj. Mi neniun nomas ĉar neniun mi volas preteratenti; sed ili senescepte, meritas nian koran gratulon, nian dankemon kaj nian daŭran, ĉiaman amikecon.

**SALVADOR GUMA**

**Aldonaj notoj:** Dum la kongressemajno funkciis Libroservon de H.E.F.; kiu prezentis kiel novaĵoj: «La Fenomeno Svislando» kaj «La 18-aj Internaciaj Floraj Ludoj», ĉi lasta eldonita de Eldona Fako de HEF. Ankaŭ en la kongresejo funciis porokaza poŝtoficejo, kaj en ĝi oni uzis memorigan poŝtstampilon.

# RESOLUCIOJ DE LA 39-a HISPANA ESPERANTO KONGRESO

1-e: Peti de la «Caja de Ahorros de Asturias» la eldonon de la hispanligva prelego pri «Esperanto kaj la Eŭropaj Internaciaj Organizoj» de la Prezidantino de H.E.F., okazinta en la Universitato de Oviedo.

2-e: Komisii la L.K.K. por ke, nome de la tuta kongresanaro, petu la nomumon de strato en Oviedo sub la nomo «Strato Esperanto».

3-e: Plifortigi la rilatojn inter ĉiuj E. Grupoj ekzistantaj en Hispanio kaj inter tiuj kaj H.E.F.

4-e: Rekonante la rajton de ĉiu popolo uzi sian propran lingvon, intensigi la instruadon de Esperanto kiel la plej taŭga medio por la internacia interkomprenigo.

5-e: Komisii la Estraron de H.E.F. por ke ĝi faru la necesajn paŝojn rilate la revivigon de la junulara sekcio.

6-e: Akcepti la proponon de «LICEO MADRILEÑO DE ESPERANTO» por organizi la 40-an H.E. Kongreso.

7-e: Sendi saluttelegramon al Lia Reĝa Moŝto Juan Carlos I.

# REZULTO DE LA EKZAMENOJ PRI ESPERANTO

Dum la 39-a Hispana Esperanto Kongreso okazinta en Gijón, la ekzamena Komisiono konsistanta el Prof. Francisco Zaragoza, Prof. Felix Navarro kaj Prof. Jacinto Urueña, ĉiuj profesoroj pri Ĝ B E, decidis doni la jenajn kvalifojn al la personoj kiuj ekzameniĝis por la atingo de la titolo «KAPABLA ESPERANTISTO».

| | |
|---|---|
| Adolfo García Navarro | Superelstara |
| José Jiménez Bullón | Superelstara |
| Rafael Rojo Rojo | Elstara |
| Raúl Hernández Garrido | Superelstara |
| Salomé Pérez Rea | Elstara |
| Manuel Fernández Suárez | Superelstara |
| Marina Teresa Viar | Elstara |
| Antonio Ramón Cantón | Superelstara |
| María Luisa Estarada Fonfria | Superelstara |
| Gervasio Colunga Fernández | Superelstara |
| Ofelia Barrio Pérez | Elstara |
| Veneranda Díez Fernández | Superelstara |
| Covadonga Crespo Muñóz | Bona |
| Marina Alvarez Hernández | Bona |
| Florencia Sánchez Villar | Elstara |
| María Begoña Vega Llaneza | Superelstara |
| Juan Carlos Heredia | Bona |
| José Santos Santos | Superelstara |

La Koncernan diplomon jam ricevis ĉiuj supre menciitaj kaj el ili la plej granda parto dum la Fermo de la Kongreso.

La Organiza Komitato de la 39-a Hispana Esperanto Kongreso oferas al ĉiuj gesamideanoj la jenan kongresmaterialon:

| | |
|---|---|
| Afiŝoj | 25 p-toj |
| Bildkartoj | 10 p-toj |
| Flagetoj | 50 p-toj |
| Glumarkfolioj | 20 p-toj |
| Poŝtkartoj (kongresa) | 12 p-toj |

Mendu al: Esperanto Asocio. Cátedra de Extensión Universitaria «Jovellanos»
Enrique Cangas, 25
GIJON

# NOTAS DE INTERES PARA TODOS LOS FEDERADOS

**BOLETIN CONTRA REEMBOLSO.**—Se pone en conocimiento de cuantos no hayan hecho efectivo el pago de la cotización correspondiente al año en curso, que el próximo número de BOLETIN será enviado contra Reembolso.

**VIAJE COLECTIVO A ESTOCOLMO.**—La Federación Española de Esperanto, si hubiera suficiente número de personas interesadas, organizaría un viaje colectivo para asistir al Congreso Universal de Esperanto. Cuantas personas estén interesadas diríjanse, a la mayor brevedad, a la sede de la Federación Española de Esperanto, Dos de Mayo, 4. VALLADOLID.

**COTIZACIONES DE U.E.A. para 1980.**—Según nos comunica el Delegado-Jefe de U.E.A. en España, Sr. Azcuénaga Vierna las cuotas para 1980 son algo inferiores a las del año actual. La cuota de Miembro con Anuario (Jarlibro) es de 600 ptas. y la de miembro Individual, con Anuario y la revista «ESPERANTO» es de 1.500 ptas. Los jóvenes, hasta 25 años inclusive, reciben además la revista juvenil KONTAKTO. Cuantas personas deseen más información o ejemplares de muestra diríjanse al Delegado-Jefe de U.E.A. en España, cuya dirección figura al dorso de la portada de este BOLETIN.

**EXAMENES DE ESPERANTO.**—En Gijón, y dentro de los actos del 39 Congreso Nacional de Esperanto, se celebraron los Examenes de Esperanto en sus dos categorías de elemental y superior. Cuantas personas resultaron aptas recibieron el correspondiente diploma en el acto de clausura del Congreso. Los que se examinaron el pasado año en León lo recibieron en Gijón al recoger la documentación y a los que se examinaron en Congresos anteriores y no han recibido el correspondiente diploma les rogamos nos escriban indicándonos su dirección actual y acompañando 50 ptas. en sellos de correos para gastos de envío.

**NUEVOS GRUPOS DE ESPERANTO.**—Recientemente se han creado nuevos Grupos de Esperanto en Alquerias y en Cartagena, ambas de la Provincia de Murcia.

**CARNET DE SOCIO.**—Se comunica a todos los socios federados que no posean el correspondiente carnet que lo pueden solicitar a la Secretaría de la Federación. Se ruega, para mayor rápidez, el envío de un sobre con la dirección y debidamente franqueado.

## AVISO IMPORTANTE A NUESTROS COLABORADORES

1º Todas las colaboraciones deben tener márgenes y espacio entre líneas para las eventuales correcciones.
2º Quién no domine bien el Esperanto, absténgase de hacer versos o traducirlos por resultar imposible la corrección de los mismos. El cambio de una palabra puede suponer otra versificación que la redacción no puede hacer.
3º Recomendamos consultar el Plena I. V. con diligencia; es una fuente casi inagotable de enseñanza por los ejemplos que ofrece.

**La Redacción**

# RAPORTO PRI LA LABORO FARITA DE I

# OKTOBRO 1978-a ĜIS LA 30-a DE JUNIO 19'

Post la sukcesa 38-a Hispana Esperanto-Kongreso okazinta en León de la 12-a ĝis la 15-a de Oktobro, pri kies evento ĉiuj membroj estis amplekse kaj detale informitaj per BOLETIN, la estraro de H.E.F., kiel promesite, post la organizado de la Kongreso dediĉis plej grandan parton de sia labortempo trovi taŭgan kaj konvenan eldonejon kie oni povus eldoni BOLETIN. Post konvena kaj serioza studo, oni konsideris, ke «Gráficas Andrés Martín» de Valladolid estis la plej taŭga.

Antaŭ ol publikigi la unuan BOLETIN eldonitan en Valladolid, ni volis fari ĉion laŭleĝe kaj tial kiam Boletin de Januaro-Junio 1978-a aperis la 10-an de Januaro 1979-a ni jam havis la permeson de la Ministerio pri Kulturo kaj la nomumon de Direktorino, kies postenon okupas Ĵurnalistino de Valladolid. Post la eldonado kaj disdonado de la jam menciita BOLETIN estis eldonitaj aliaj du numeroj por la jaro 1978-a la lasta estis disdonita al la membroj la 22-an Majo 1979-a. Kiam ĉi tiu raporto estas skribata ankoraŭ ne estas dissendita BOLETIN de Januaro-Aprilo 1979-a, sed ni esperas ke ĉiu federaciano ricevos ĝin antaŭ la komenciĝo de la 39-a Hispana Esperanto Kongreso.

Kvankam BOLETIN aperas kun granda prokrasto, ni devas emfazi ke almenaŭ ĝi aperas kaj ke ni ricevis kelkajn kritikojn, sed ankaŭ laŭdojn, precipe de eksterlandaj institucioj kaj gesamideanoj.

Sub la rekta gvidado de la Vicsekretario de H.E.F., S-ro Jacinto Urueña, la vendado de libroj bone funkciis. Je la ekfunciado de la nuna H.E.F. estraro estis eldonita libro-listo kaj en la diversaj numeroj de BOLETIN aperis la nomoj de novaj libroj pli poste aĉetitaj. Por la unua fojo en Valladolid kaj dank' al amika kunlaborado inter la libroservanto de H.E.F. kaj profesia libristo estis ekspoziciitaj por vendado al ĝenerala publiko, libroj en kaj pri Esperanto en librejo situanta en centra strato de la urbo.

La estraro de H.E.F. deziras substreki ke estas tre utile se en iu librejo de ĉiu hispana urbo estus sekcio de esperantaj libroj, ĉar tiel la ĝenerala publiko, kiu ne venas al niaj Grupoj, povus pli facile aĉeti librojn.

La kasistino de H.E.F. prezentis la kontojn de la pasinta jaro; kiel vi mem povas konstati la enspezoj ne sufiĉas por ke la laboro de H.E.F. estu tiel grava kaj interesa kiel ni mem deziras. Tamen, ĉar ni konscias pri la ekonomiaj problemoj de multaj el niaj membroj, ni ne volas plialtigi la kotizon, sed ni petas ĉiujn samideanojn klopodi altiri novajn membrojn al H.E.F. ĉar tio kaŭzos al ni malmultan elspezon —post dissendado de Boletin restas al ni 200 ekzempleroj— kaj havigos multajn enspezojn.

Daŭrigante la personajn kontaktojn okazintajn antaŭ la Kongreso de León, La Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F. vojaĝis la 8-an de septembro 1978-a al Zaragoza kie ili partoprenis kunsidon de la «Fundación Esperanto» kaj kunvenis en la sidejo de la Esperanta Societo «Frateco». La 8-a de Decembro, ili kunvenis en Gijón kun membroj de la O.K. de la 39-a Hispana

# .F.—ESTRARO DUM LA PERIODO 1-a DE
# KTOBRO 1978-a ĜIS LA 30-a DE JUNIO 1979·

Esperanto-Kongreso. Alia kunveno, samcele, okazis la 23-an de junio ĉijare.

Pri la oficejo kiun H.E.F. posedas en Madrid estas urĝe kaj necese trovi taŭgan solvon; tiucele H.E.F. sendis al ĉiuj membroj enketilon kaj la 12-an de majo 1979-a kunvenis en la menciita oficejo du membroj de la antaŭa H.E.F.-estraro, madrida esperantistino, la Prezidantino kaj la Sekretario de H.E.F. Ni esperas kaj deziras ke en ĉi tiu Kongreso ni ĉiuj trovos la plej konvenan solvon ne nur por la interesoj de H.E.F. sed ankaŭ por la intereso de Esperanto.

Kun la celo havi regulan kontakton kun la diversaj Esperanto-Grupoj aliĝintaj al H.E.F. estis senditaj tri cirkuleroj. La unua, temis pri okazigo de «ESPERANTO KAJ SEMAJNO DE HOMAJ RAJTOJ» okaze de la naskiĝdatreveno de la kreinto de Esperanto D-ro Zamenhof. Laŭ informoj ricevitaj plej aktive laboris la Grupoj de Callosa de Segura, Vigo, Sabadell kaj Valladolid. La dua, pri «NOVAJ ALIĜOJ AL HEF» ni ne povas opinii, ĉar ni ne havas informojn pri ĝi. Fine, antaŭ kelkaj tagoj, estis sendita alia Cirkulero kun la celo ke ĉiu Grupo informu nin pri la persono kiu salutos dum la nuna Kongreso.

Sub rekta gvidado de S-ro Ramón Molera ekfunkciis la Informa-Servo sendante la trimonatan informilon al ĉiu hispana ĵurnalo kaj radiostacio. Okaze de la 38-a Hispana Esperanto-Kongreso, la Prezidantino estis intervjuita de la leonaj radiostacioj kaj ĵurnaloj, kaj de la programo «Mediodia Cadena SER», kiu estis elsendita tra la tuta lando per la radioĉeno S.E.R.

Dank'al membro de la Esperanto—Grupo de Bilbao, la H.E.F.— Prezidantino partoprenis la 30-an de Oktobro, la televidan programon «GENTE HOY». Ankaŭ pluraj artikoloj kaj informoj pri Esperanto aperis en la diversaj Valladolidaj ĵurnaloj. Pri la informoj aperintaj en aliaj urboj ni ne havas detalan raporton, sed ni povas certigi, dank'al sciigoj ricevitaj de bonvolaj gesamideanoj, ke la intereso pri Esperanto estis ĝenerale ege granda.

Pro demisio de la antaŭa ĉefdelegito de U.E.A. S-ro Luis Hernández Yzal, la H.E.F. estraro proponis kaj U.E.A. akceptis la nomumon por tiu posteno de S-ro Juan Azcuénaga Vierna, de Santander.

Sub gvidado de F-ino Inés Gastón, la Eldona Fako daŭrigis la vendadon de diversaj libroj jam eldonitaj.

Okaze de la Semajno de Internacia Amikeco, kaj kun la sindona kunlaboro de palenciaj geesperantistoj, H.E.F. organizis la 25-an de februaro, esperantistan kunvenon en Palencio. Pri ĝi informis ĵurnaloj de Valladolid kaj Palencia, kaj R.N.E. (Hispana Oficiala Radiostacio).

Fine, mi deziras peti al vi indulgon pro la certaj, sed ne volaj, eraroj kiujn ni faris dum la periodo kies raporton nun mi prezentas al vi, kaj peti vian kunlaboradon por ke ni povu atingi kion ni deziras, nome la disvastiĝon de ESPERANTO tra la tuta Lando.

**Valladolid, 30-an junio 1979-a**

**LA SEKRETARIO**
**Luis Hernández García**

# KONGRESI EN LUCERNO



**Dum la solena Inaŭguro parolas la Prezidanto de L.K.K. (Foto A. Sikorska.)**

Partopreni en Universala Kongreso estas unika sperto, ĉar nur ĝi donas tiun veran dimension de internacieco pri kiu sopiras ĉiu esperantisto. Ĝi instigas ŝoke sed pozitive la novulojn kaj kompensas la veteranajn movadanojn.

Pli ol 1.600 gekongresanoj el 49 landoj, inter ili, landoj ne tradiciaj en nia movado, kiel Ĉinio, Etiopio, Irano, Jamaiko, Kolombio, Korea Respubliko, Kuvajto, Maroko, Sanmarino, Tunizio kaj Zairio, donas aktualan bildon de nia ekspansiema movado for de la eŭropa kadro, kaj tio estas granda sukceso de la aktuala UEA, kiu, tiurilate, strebas pli kaj pli entuziasme.

Svislando, la ĝardeno de Eŭropo, gastigis plurajn Universalajn Kongresojn: la 2-a je 1906 okazis en Ĝenevo; la 9-a je 1913 en Berno; la 17-a je 1925 denove en Ĝenevo; la 31-a kaj ankaŭ la 32-a en Berno je 1939 kaj 1947-tuj antaŭ kaj post la Dua Mondmilito—, kaj post longa paŭzo, la ĉi-jara 64-a en Lucerno kies kongresejo oni honoris la svisajn esperantistajn pionirojn kiel Hodler, Privat, Stettler, Kürsteiner, Scherer kaj Fisher.

Okaze de la 64-a Universala Kongresol la svisa poŝto eldonis sian unuan

esperantan poŝtmarkon kun desegnaĵo de la svisa varmaera Esperanto-balono. Dum la tuta Kongreso funkciis speciala poŝtstampo.

Sabate la 28-an de julio, kiel tradicie, okazis la interkonatiĝa vespero, kaj mi observis, flanke de la estraro de UEA, ĝentilaĵon tre laŭdindan. Ĉe la enirejo de la salono, kie okazis la rendevuo, staris la tuta estraro kun la prezidanto, kiuj tre afable salutis kaj bonvenigis ĉiujn gekongresanojn, eĉ la plej modesdestajn. Tio ŝajnas balotada propragando opinios kelkaj maliculoj, ĉar ankaŭ en nia movado tiaj ekzistas, sed malgraŭ tio, la afero estas simpatia kaj imitinda por tiuj gravuloj, kiuj rigardas la modestajn esperantistoj kun evidenta malestimo.

Dimanĉe la 29-an de julio je la 10-a h. matene, okazis la solena inaŭguro, kiu ja estas impona pruvo de nia forto por la ekstera publiko, t. e. por la oficialaj ŝtataj salutantoj kaj la ĵurnalistoj.

En plenplena salono, pli ol 1.000 gekongresanoj malpacience atendis la tiklan momenton, kiam la Prezidanto de UEA, H. Tonkin, stariĝis, kaj post bonvenigaj vortoj, malfermis la Kongreson. Interalie, li esprimis la emocion de la estraro kongresi en la gastama Svislando, kie naskiĝis UEA en la jaro 1908. Nome de Svislando salutis reprezentanto de la Lucerna kantono kaj la urbestro de Lucerno mem, ambaŭ esperant-lingve, kaj pri la kongresa temo prelegis S-ro Robert Muller, Sekretario de la Ekonomia kaj Socia Konsilio de Unuiĝintaj Nacioj. Li enkonduke salutis la Kongreson en Esperanto; la temon li prezentis france, kaj pri ĝi ni ricevis esperantan tradukon. La temo estas per si mem interesa, ĉar ĝi estas aktuala kaj rekte tuŝas la lingvan problemon. Je la fino li diris: «*Mi opinias, ke tiurilate la esperanto-movado kaj via kongreso povas ludi gravegan rolon. Ne pro tio, ke monda registaro aŭ universala lingvo nun ne aperas eblaj, ne pro tio oni evitu tion priparoli kaj diskuti. Tute male. La mondo senĉese bezonas modelojn, kiuj impresu al la imago kaj al la mondvizio de la homo. Ni bezonas revojn. Preskaŭ ĉiuj grandaj mutacioj en la historio rezultis el revoj kaj pensoj viziaj. Eble hodiaŭ la mondo ne plu revas sufiĉe. Eble tial ni pasas tra pesimisma fazo ĝuste tiam, kiam, ni staras je la montopinto de senprecedencaj sukcesoj kaj ĉe promesoj ankoraŭ pli vastaj. Kiam mi estis infano oni multe parolis pri Esperanto kaj pri mondregistaro. Oni ilin mencias malpli ofte hodiaŭ. Tio ne estas bona. Necesas memorigi al la ekzistantaj povoj, ke sur nia planedo eblas aliaj administraj formoj. Tio almenaŭ prezentos tiun avantaĝon, ke ili fariĝos iom pli viziemaj kaj iom malpli necedemaj. Mi do tutkore deziras, ke el via kongreso fontu audaca strategio, kiu denove tuŝu la imagon kaj la animon de la homoj. Tiun strategion devus akompani apartaj agadoj precipe direktitaj al la internacia komunikado kaj al ties ĉefaj rimedoj aŭ perantoj: UN kaj ties specialigitaj institucioj, la transnaciaj firmaoj, la gazetaro kaj aliaj informrimedoj, la religioj, la internacia eduksistemo, la internaciaj transportoj, la internaciaj neregistaraj organizoj, turismo, hoteloj, ktp. Mi*


**Akcepto en la Urbodomo de Luzerno. (Foto A. Sikorska.)**

*deziras al vi grandan sukceson en la nobla kaj viziista tasko kiun vi prenis sur vin, kaj kiu estas nenio alia, longperspektive, ol starigi mondan demokration, specife pere de la uzo de lingvo universala.»*

(Se vi interesiĝas pri la kompleta teksto de ĉi tiu prelego, petu ĝin al HEF kaj aldonu 50 p-tojn en poŝtmarkoj por la elspezkostoj).

Pluraj ŝtataj reprezentantoj salutis, el kiuj elstaris la ambasadoraj moŝtoj de Bulgario kaj Kubo.

Posttagmeze okazis la malfermo, dum kiu, unue salutis la reprezentantoj de internaciaj ne ŝtataj organizoj, i.a., A.I.D.M.L.K. (Internacia Asocio por la Defendo de Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj), nome, ĝia ĝenerala sekretario Marcel Texier, kion li faris en bretona lingvo kun traduko de U. J. Moritz. Sekvis, laŭ esperanta alfabeta ordo, la salutado de la landaj esperanto-organizoj kaj finiĝis la solena aranĝo per fermaj vortoj de la Prezidanto.

La saman dimanĉon okazis la inaŭguro de ISU (Internacia Somera Universitato), kaj ĝia rektoro Mag. Claude Piron (kiun oni ĵus elektis akademiano) enkondukis la aranĝon tre simpatie, kaj prezentis la prelegontojn sidantajn ĉe li. Tuj sekve prelegis D-rino Flora Szabó-Felso pri la anoncita temo.

Alian prelegon mi ĉeestis, en tiu de Prof. M. Isaev, Prezidanto de la nova Asocio de Sovetaj Esperantistoj, kiu altiris grandnombran publikon, ĉar mi supozas, ke la plej granda parto scivolis pri la revekiĝo de tiu granda koloso, kies rolo en la pli frua tempo de Esperanto estis decidiga por la pli posta evoluo de nia movado.

En la kadro de I.S.U., S-ro De Smet, membro de la Eŭropa Klubo, prelegis pri «La delfenoj, intelektkapablaj bestoj». La preleganto, bonege dokumentita, altiris la atenton de la ĉeestantaro, kiu plenigis la salonon.

Merkrede okazis la tuttagaj ekskursoj, kaj ni partoprenis tiun al Monto Rigi, sed atinginte la supron, nia entuziasmo rulis sùrteren, ĉar densa nebulo malpermesis al ni frandi tiun supozeble majestan pejzaĝon. Post longa sidado kaj tagmanĝado en la tiea restoracio, ni revenis al pli malsupra stacio, kie



**S-ro Jung subskribas sian libron «Ĉiu ĉiun». (Foto A. Sikorska.)**



**Tipa folkloro dum la ekskurso al Monto Rigi**

oni prezentis al ni varian kaj simpatian folkloran aranĝon, kaj tiam la suno aperis por beligi al ni almenaŭ la posttagmezon.

Per la turismaj broŝuroj liveritaj al ni kun la dokumentaro, ni konvinkiĝis tamen. ke Svislando estas vere vizitinda, kaj cetere, dum nia restado, kion ni vidis tio konvinkis nin ke ĝi estas belega laŭ naturo, pura kaj florornamita pro la edukiteco de siaj enlonĝantoj, kaj multekosta por nia deviza kurzo.

Grandan intereson altiris la informa kunveno pri rilatoj kun Unesko kaj aliaj UN-organizoj, kiun prezidis S-ro Chicot, reprezentanto de U.E.A. ĉe UNESKO, kaj D-ro Tonkin. kiu prezidas laborgrupon en la sidejo de U. N. en Nov-jorko. Unue S-ro Chicot skize raportis pri la aktiveco de U.E.A. en la kadro de Unesko, laboro realigata de pluraj membroj, kiuj ĉiuj havas specifan taskon. La Delegacio partoprenas ĉiujn kunvenojn kaj seminariojn okazintaj en la kadro de N. R. O. (Ne Registaraj Organizoj); ili ne temas pri lingvaj problemoj sed estas utilaj por starigi kontaktojn. En Simpozio pri Rajto de Komunikado, okazinta ĉijare, oni traktis la problemojn de komunikado pere de gazetaro, radio kaj televido kaj lingvajn problemoj. Rilate ĉi-lastan oni starigis specialan komisionon kaj S-ro C. Parin faris mallongan sed trafan paroladeton. S-ro Chicot informis ankau pri la kandidatiĝo de U.E.A. por la Konstanta Komisiono de N.R.O. kaj pri la elekto de U.E.A kiel membro de la menciita Komisiono. Fine, informis S-ro Chicot, ke la ĵus okazinta I.J.K. ricevis subvención de Unesko. Sekve, D-ro Tonkin raportis pri agado ĉe U. N., kie funkcias laborgrupo konsistanta el 20 personoj.

Estas menciindaj la IKEL-kunvenoj, ĉar mi aktive prenis parton en ili. Dum la Generala Kunveno, oni informis pri la plenumita agado, aprobis la buĝetojn por 1979 kaj 1980, kaj estis konfirmita la ĝisnuna provizora estraro, jene: Prez. U. J. Moritz (platdiĉo); Victor R. Corsetti (italo); Ll. Puig (kataluno); Sekr. F. Ibáñez (kataluno) kaj kasisto Ll. Martí (kataluno).

En la dua informa kunveno kun kontentiga ĉeesto de 66 homoj, s-ano R. Corsetti prezentis la temon: «Kurdoj, armenoj kaj aliaj etnoj inter la Kaspia, Nigra, kaj Mediteranea Maroj» kaj pluraj ĉeestantoj intervenis kun demandoj pri la temo.

Sub prezido de Pastro Ciccanti (Italio), okazis la kunsido de katolikaj geesperantistoj partoprenantaj la Universalan Kongreson. Pastro Ciccanti i.a. informis, ke I.K.U.E. klopodas por ke la Papo salutu, krom en aliaj naciaj lingvon, ankaŭ en Esperanto okaze de la du plej gravaj religiaj festoj, tio estas: Kristnasko kaj Pasko. En ĉi tiu kunveno oni informis al la ĉeestantaro pri «Bona Espero» kaj «Agado E-3».

La kunveno pri la proklamo de la gajnintoj de la Belartaj Konkursoj altiris multegan publikon, kaj la salono plenpleniĝis. Enkonduka prelego de la Prezidanto de ĉi tiu fako s-ro Baldur Ragnarsson (ankaŭ ĵus elektita akademiano) kaj tuj sekve oni informis pri la ĉi-jaraj gajnintoj.

Evidentas, ke nia junularo daŭre progresas en ĉiuj kampoj, kaj ankaŭ en ĉi tiu de la Belarto, kiel pruvite pro la pluraj premioj atingitaj de Mauro Nervi (Italio) kaj Stefan Mac Gill (Nederlando), Tio ja estas la bona kaj esperiga novaĵo de la ĉi-jaraj konkursoj.

Unu el la plej ŝatataj eroj de la programo estis tiu, kiu permesis al la kongresanaro koni la tipajn dancojn, kantojn kaj mukik-instrumentojn el ĉiuj anguloj de Svislando en la Folklora Vespero okazinta dimanĉe la 29-an de julio en Festhalo. La programo estis prezentata al la publiko, kiu plenigis la grandan salon, en germana kaj en esperanta lingvoj.

Dum la kongresaj tagoj okazis samtempe en Lucerno «Europa Cantat»; grandega kantfestivalo, en kiu



**Transdono de la f**

renkontiĝis diverslandaj junularaj kantgrupoj, sed tamen kun evidenta lingvoproblemo. Niaj gejunulo kontaktis kaj informis ilin pri Esperanto.
Kan jen kion ili raportis sinsekve dum kelkaj tagoj:

«Ili estis tre interesitaj pri Esperanto, plejparte ankoraŭ neniam aŭdis pri ĝi, sed ili konstantis la taŭgecon kaj eblecon rapide kaj facile lerni ĝin. Al kelkaj junuloj ni donis liston de adresoj, por ke ili en iliaj hejmlandoj kontaktiĝu kun la lokaj esperantistoj.

Sed laŭ mia opinio, nun estus bona ŝanco varbi novajn esperantistojn Temas ja pri junuloj, kiuj en tiu ci momento spertas la lingvan problemon kaj sekve aparte interesiĝas pri solvo de tiu problemo. Tial mi proponas ion



...venonta U.K.

entrepreni. Sed kiel ofte en Esperantujo, ĉefa problemo ne estas la ideo, sed trovi iun kiu kunordigas tiun laboron. Ni devus: verki plurlingvajn flugfoliojn, disdoni ilin post aŭ antaŭ iliaj vesperaj kantadoj kaj paroli kun ili, liveri al ili adresojn de funkciataj informservoj en iliaj landoj.

Kompreneble, oni povas ankoraŭ multon alian fari por ekzemplo, simple vendi lernolibrojn, ktp.»

«Fakte prosperis la plano. Ni sukcesis verki ses-lingvan flugfolion en la germana, franca, angla, japana, hispana kaj serbokroata lingvoj. Ĝi krome enhavas 42 kontakt-adresojn en la tuta mondo, por ke la junaj partoprenantoj de «Europa Cantat» povu hejme informiĝi de la respektivaj asocioj».

Granda kaj sukcesa novaĵo en la eldona kampo estis la apero de la unua esperant-lingva traduko de «Asteriks la Gaŭlo». Rekonita germana ĵurnalo «Die Welt» raportas pri ĉi tiu eldonaĵo kaj opinias, ke estas similaj la celoj de Asteriks kaj la esperantistoj: la Gaŭla heroo kontraŭbatalas la Romian Imperion kaj la esperantistoj la lingvan kaoson.

Estas ekster dubo, ke Esperanto, kiel vere socia fenomeno, influas ĉiujn aspektojn de la homa vivo, kaj la arto ne estas escepto. Diversaĝaj kaj diversbranĉaj artistoj abundas en Esperantujo, kaj dum la Kongreso, inda reprezentantaro prezentiĝis kaj ricevis meritatajn aplaŭdojn. Muzikistoj kiaj Danielle Béguin, David Hill kaj la gefratoj Edgar Kim Jones (6-jara) kaj Sara Su Jones (4-jara); kantistoj kiaj Bozena Zborowska, solkantistino de la Varsovia Opereto, Galja Kostova-Toteva, Veselin Damjanov, Prodan Prodanov, Olivier Tzaut, Alberta Casey kaj la espaciala kunlaboro de la islanda kantgrupo de «Europa Cantat», kiu inter sia repertuaro, prezentis kelkajn esperantlingvajn kantojn.

Bonege ludata de kvin bulgaraj geaktoroj, la samideanaro havis plezuron kaj ĝojon aŭskultante la verkon de la franca dramverkisto P. Geraldy, titolita «La amo». La teatraĵo estis ludata dufoje lunde la 30-an de julio.

La bonega kaj talenta brita muzikludisto, s-ro David Hill, ludis per orgeno komponaĵojn de Bach, Valente, Scheidt, Saint-Saens kaj Widor. La geĉeestantoj aplaŭdis je la fino de ĉiu komponaĵo, kaj tondran aplaŭdadon kaj gratulon ricevis s-ro Hill post la fino de sia interveno, kiu ege plaĉis. La orgenkoncerto okazis marde en Salono Zamenhof. Notinde estas, ke sur ĉiu seĝo de la salono estis folio kun la programo kaj notoj pri la ludotaj muzikkomponaĵoj.

Sub la prezido de Prof. Carl Stop-Bowitz okazis la kunveno de ĉefdelegitoj kaj delegitoj de UEA. Inter la unuaj, intervenis tiuj de Ĉehoslovakio, Brazilo, Jugoslavio, Sovetunio, Germanio kaj plurlokaj delegitoj, kaj ĝenerale, oni plendis por ankoraŭ plia seriozigo de la delegita servo, kiam la petoj okazas laŭ la regularo, ĉar ja ĝi estas unika reto en la mondo, kaj pri tio, ni devas konscii kaj fieri.

Marde la 31-an kaj sub prezido de s-rino U. Grattapaglia, estraranino de U.E.A., okazis la kunveno de respondeculoj de Landaj Asocioj, kie i.a., oni sugestis, ke en ĉiun libron, en aŭ pri Esperanto, oni enmetu folion kun adresoj de ĉiuj Esperanto-Grupoj ekzistantaj en la koncerna lando (ĉeha samideano); starigi sekcion de libroj en kaj pri Esperanto en librovendejoj (sekretario de H.E.F.); interŝanĝo de la respektivaj naciaj revuoj kaj rajto publikigi artikolojn aperintajn en aliaj revuoj (franca samideano). Resume, ĉiuj, kiuj tion deziris, povis libere opinii kaj sugesti ideojn. kiuj, laŭ la diversaj cirkonstancoj, povos esti aplikataj.

Eksterordinaran intereson vekis la anonco de la filmo pri la pasintjara kongreso en Varna kaj diapozitivoj de T. Sekelj, la konata jugoslavia etnologo kaj mondvojaĝanto. Kun ĝenerala surprizo, oni komencis prezenti al ni filmon pri Luksemburgo, tre belan kaj profesian tamen, sed ĝi troviĝis eksterprograme kaj prenis sufiĉan tempon, poste bezonatan kiel vi vidos. Sekve novan filmon pri venontjara kongresurbo Stokholmo kaj nur poste la interesajn diapozitivojn de Sekelj, kiujn li klarigis tre bone, sed evidentiĝis, ke granda parto de la publiko atendis la filmon pri Varna, ĉar ili laŭte protestis, kio devigis s-ron Sekelj haltigi sian prezentadon. Vere hontaĵo.

Tuj oni prezentis la laŭŝajne atendatan filmon pri Varna, kiu estis akceptata per aplaŭdoj, sed baldaŭ la entuziasmo velkiĝis, ĉar la filmo estis profesia malbonega, kaj tiu publiko tiom malpacienca kaj malĝentila ricevis la meritatan punon. Ni raportas pri ĉi tiu malagrabla afero, ĉar s-ro Sekelj, unu el la plej prestiĝaj esperantistoj en la mondo, meritas nian respekton kaj omaĝon, kaj ni esperas, ke venonte la esperantista publiko estos pli komprenema kiel decas, kaj la organizantoj envicigos la prezentaĵojn laŭ la anoncita kaj cetere justa prioritato.

Sub prezido de s-ino U. Grattapaglia, okazis la kunveno, kie oni informis pri la ĵus starigitaj konsultaj rilatoj kun la Organizo de Amerikaj Ŝtatoj, la plej grava internacia organizo en Ameriko.

Pri la kongresa temo «La lingva aspekto de internacia organiziĝo», ni aŭskultis la prelegon de Mag. Claude Piron, kiu tre sprite kaj detale, informis nin pri sia multjara sperto en internaciaj organizoj, kaj konkludis, ke krom multaj tradukaj eraroj, la grandaj imperiismaj lingvoj klare diskriminacias rilate la malgrandajn kun propra ŝtato. Kaj tamen, ankaŭ ĉi tiuj lastaj, ĉe la propra teritorio, diskriminaciigas la enlandajn etnojn.

Malgraŭ tio, ke la Kongresoj estas vere lacigaj, ĉar la programo ŝtopita pro granda kvanto da interesaj aranĝoj, donas al vi malmultajn eblecojn ripozi, manĝi kaj eĉ interkonatiĝi kun alilandaj samideanoj, ili estas tamen ĉiel rekomendindaj.

Raportis: **Luis Hernández** kaj **Llibert Puig**

# NEKROLOGOJ

La 2-an de septembro forpasis en Vigo S-ro Camilo Veiga Prego, Honora Prezidanto de la Esperanto Grupo «Paco kaj Amo» de Vigo kaj Honora Membro de Hispana Esperanto Federacio. S-ro Veiga, bonkora kaj simpatia homo, multe helpis la gesamideanojn de Vigo en ilia por esperanta agado kaj estis Honora Prezidanto de la 32-a Hispana Esperanto Kongreso okazinta en Vigo en la jaro 1972.
Al sia familio kaj al la membroj de la Esperanto-Grupo de Vigo ni esprimas nian sinceran kondolencon.

Carlos Segura Domingo, membro de H.E.F. forpasis, Pace ripozu.

En la monato oktobro forpasis S-ro Jaime Miró Giné, esperantisto ekde la jaro 1912. Li multe aktivis en la esperanto-movado, ĉefe klarigante kursojn por fervojistoj en Katalunio kaj en Madrido. Ripozu Pace. Al la familio de nia forpasinta samideano ni esprimas nian sinceran kondolencon.

Ankaŭ en Oktobro, laŭ informoj ricevitaj, forpasis nia samideano de Lérida S-ro José Olivé Ferrando. Por sia familio, speciale por sia vidvino, ni esprimas nian sinceran kondolencon.

# MEDITAĴO

Ni supozu nian sunsistemon reduktata en la skalo de unu por centmiliardoj: do unu centimetro samvaloras unu milionon da kilometroj.

Tial:
—la suno similas al globo je 1,4 cm de diametro;
—nia tero, kun diametro de 0,1 mm. moviĝas je 1,5 metro;
—la planedo Jupitero, la plej volumena, kun diametro de 1,4 mm, rivoluas je 8 metroj;
—Plutono, la plej malproksima planedo, estas je 59 m de la tagastro, kun diametro de 0,05 m.
—la plej proksima stelo, Centauri, staras je cirkaŭ 410 kilometroj, Sirius je 820 km, k.t.p...

Kaj ĉi-tiuj steloj estas la plej proksimaj de la suno inter miliardoj da steloj, kiuj travojaĝas nian Universon.
Kio do ni estas, ni, kompatindaj estuloj, en tiu senmezura spacego. Kaj kial do ni senĉese interbatalas pro iu terpeco, kiu valoras ne eĉ... polveron.

**Leon Rogez**
**ARRAS (Francujo)**

# I.F.E.F.—KONGRESO EN FINNLANDO



Por partopreni en la 31-a Internacia Fervojista Esperantista Kongreso, kiu okazis de la 15-a ĝis la 21-a de junio en Turku, grupo da hispanaj fervojistoj veturis al la pitoreska Suomio.

La ekzota kaj ĉarma Finnlando allogis ankaŭ kelkajn nefervojistajn esperantistojn, kiuj ĝuadis la fratecan etoson reganta dum la kongresa semajno.

Vendredon matene, aro konsistanta el 33 geesperantistoj startis per aviadilo el Barcelono, trans Kopenhago, ĝis Turku —celo de nia vojaĝo— ĉar ĉi-jare ĝi estis la urbo elektita por soleni nian Kongreson.

Tuj post nia alveno, ni konstatis la ŝvebantan atmosferon esperantistan en la Kongresejo.

«Ikituuri» (la kongresejo) estas tre moderna konstruaĵo, situanta en nova kvartalo de Turku. Dum tuta semajno ĝi gastigis nin.

Nia unua tiea tasko estis la ricevo de la kongres-dokumentaro kaj la loĝado.

La Interkona Vespero okazis en la granda salono «Arena», kie ni renkontis malnovajn geamikojn, kiuj samtempe prezentis al ni novajn gekongresanojn.

Sabate okazis la malfermo de la Kongreso per solena inaŭguro. Krom la estraranoj de IFEF, prezidis ankaŭ la lokaj aŭtorituloj, reprezentantoj de UEA kaj de FISAIC. Fervojista blovinstrument-orkestro ludis belajn finnajn melodiojn, ludataj dum la paŭzoj.

Posttagmeze, kiel tradicie, estis la urba rondveturado. Ni vizitis aŭtoĉare Turku'on, —kiu estas la plej antikva urbo el Finnlando—, situanta ĉe la enfluejo de la rivero Aŭro.

El la diversaj vidindaĵoj, elstaras la Katedralo kaj la Kastelo; ambaŭ datiĝas de la XII-a jarcento. Ĉi-jare la urbo festas sian 750-an datrevenon.

Dimanĉon matene ni vizitis la Meti-Muzeon. Belega kaj romantika loko. Aro da lignaj dometoj, en kiuj, dum la pasintaj jarcentoj, la turkuanoj lernis la malsimilajn metiojn. Super la pordaj sojloj pendas ŝildo, kiu montras per bildo la specon de metio, kiun oni instruis. En ĉiu dometo ni vidis plej diversajn antikvajn instrumentojn kaj ilaron; tio donis al ni konkretan scion pri la agado kaj vivmaniero de la tieaj praloĝantoj.

Post la tagmanĝo, aŭtoĉara ekskurso kondukis nin tra bela regiono ĝis atingi la someran restadejon de la finna prezidento en Naantali. Grandega parko, taŭge flegata, kun arboj kaj gazonoj, statuoj kaj plantoj, belaj aleoj, ĉio kun versajla stilo, apud ega lago, ĉirkaŭas la elegantan somerdomon. Longe ni promenadis tra tia pentrinda areo, kie la fotiloj de la kongresanaro ofte funkciadis.

Vespere, je la oka horo, ekis la kongresa balo, kiu daŭris ĝis noktomezo. La orkestro ludis aktualajn, finnajn kaj eksmodernajn dancojn, kiel la tangon, kun malrapida kaj volupta ritmo, la valson, la rapida tritakta ritma turnodanco; gejunuloj kaj ne plu junaj homoj sin movis laŭ melodioj kaj kadencoj.

Same kiel en aliaj nord-europaj landoj, ankaŭ en Finnlando la alkoholaĵoj estas maloftaj kaj sufiĉe tro kostaj; tamen, dum la balo, la hispanoj invitis duonkaŝe siajn konatojn per bonkvalitaj hispanaj dolĉa sereo, klareto kaj brando. Tiaj euforiigaj drinkaĵoj alportis al ni novajn korpajn energiojn, kaj tuj ni komencis serpentforman dancon, dum kiu dekoj kaj dekoj da partoprenantoj vice tenante manojn sur najbaraj ŝultroj aŭ talio, ĉirkaŭdancis la tutan salonon, kun ridoj kaj gaja amuziĝo,

La diversaj komisionoj kunvenis lundon matene por pritrakti siajn respektivajn tagordojn.

En la aŭditorio de la kongresejo, posttagmeze, estis prezentada la Fakprelego, konsistanta, nunan jaron, en du partoj: 1-a «La rolo de la kontener-transporta sistemo en la eŭropaj fervoj-kompanioj» kaj la 2-a «La transmara vagon-transporto inter Finnlando kaj Germanio pere de la Kompanio RAILSHIP».

Sekvontan tagon, kunvenis la estrara Komitato. Poste, per aŭtoĉaroj ni ekskursis tra regiona vojo ĝis la bela loko Amentie, kie ni lunĉis en la restoracio «Aristo», kiu situas vidalvide al la maro. El ĉi tie ni revenis ŝipe al Turku, preterpasante centojn da insuletoj plenkovritaj da densaj arbaroj. Ni ĝuadis belegan pejzaĝon kaj freŝan aeron.

La programo de la Arta Vespero estis longa kaj varia: kanzonoj, popoldancoj, Kalevala deklamado, ktp. Tre interesa estis la teatraĵeto titolita «La Fervojo», ludata de lokaj geesperantistoj.

Ni devas atentigi la leganton pri du ŝokaj aferoj: la unua estas, ke neniam ni sciis kiam estis tago aŭ nokto, ĉar preskaŭ dum la tuta diurno regis heleco; ni vekiĝis en la hotelo, tra kies fenestroj penetris la sunradioj, tamen ni konsultinte la horloĝon, konstatis, ke estas la kvara horo de la mateno; sur la ĉefa placo de Turku, kaj la trafiko kaj la piedirantoj estis aktivaj eĉ je la tria horo de la nokto (?), la dua kurioza afero, estas la turkua bazaro: la konstruaĵo estas de la XIX-a jarcento; la enaj vendobudoj estas puregaj, plejparte el ligno, prezentantaj la nutraĵon pur-higiene; la hala planko estas nete pura, eĉ post tri-hora vendado, sur la planko restas nek eta papero nek malgranda peco da manĝaĵo.

La postan tagon, matene kaj posttagmeze, okazis la dua parto de la plenkunsido kaj la kunvenoj de la komisionoj. Interesa estas la Terminara, ĉar oni pretigas kompletan fervojistan vortaron en esperanto, kiu enhavos ĉiujn fak-vortojn kaj terminojn pir fervojo.

Je la 14-a horo, la gekongresanoj vizitis la urbon. La plej elstaraj vidindaĵoj estas: la Muze-apoteko, kie troviĝas plej primitivaj instrumentoj kaj vazoj el pasintaj jarcentoj; la Artomuzeo, kie ni admiris belajn statuojn kaj pentraĵojn; la Biologia Muzeo, kie staras abunda kolekto de remburitaj bestoj, lokitaj en original-aspektaj pejzaĝoj; la ortodoksa preĝejo; du malnovaj grandaj velŝipoj, kiuj situas ĉe la kajo apud Marttiponto —unu el ili estas la maristara lernejo—; kaj la Muzeo de Sibelius, interesega muzeo, kie ni vidis plej diversajn muzikilojn el malsimilaj epokoj, aron da partituroj, precipe la originalajn de Sibelius, k.t.p.

Post la urba promenado, en la aŭditorio de la kongresejo, estis prezentataj tri prelegoj kun lumbildoj. La unua pritraktis pri Turku kaj ties universitato; la dua pri arto «Galerio de gravaj pentristoj» far Petro Nuez, kiu prezentis belajn pentraĵojn de Rubens, Goya, Degas kaj Kranah, kun interesaj komentarioj pri la verko kaj pri la vivo de la artistoj; kaj la tria diapozitiva prezento, rilatis la venontjaran IFEF-Kongreson en Nederlando kaj la finnan fervojon. Laste, denove parolis Petro Nuez, kiu prelegis pri unu aspekto el la vivo de d-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof.

Je la lasta tago de nia restado, okazis la tuttaga ekskurso al Hammelinna. Tipa loko por fervojistoj, ĉar tie staras 6-kilometra fervojlinio, kies celo estas konservi la historion de la fervojo per Muzeo, kie malnova materialo estas gardata.

Ni povis veturi per vaporlokomotiva vagonaro. La veturo okazas laŭ la trafikreglamento de la ŝtata fervojo. Vera stacidomo, realaj biletoj fervojaj, karba fumo kiu fermigas niajn okulojn, siblanta fajfado de la lokomotivo, vaporbruo, startigo de la staci-estro, sonoriletado... Bela travivaĵo, kiu revigas nin je avaj pasintaj tempoj. Certe, ke en tiu programero de la kongreso, la fotiloj pleje funkciadis. Fotado kaj de la vagonoj kaj de la vapora lokomotivo, fotado pri la stacidomo kaj pri la pejzaĝo.

Poste, la aŭtoĉaroj kondukis nin al luksa restoracio, kiu situas meze de arbaro.

Fininte la tagmanĝon, ni veturis tra belega pejzaĝo plenplena da densaj pinaroj. Dum la veturado, ni haltis ĉe la mondkonata vitra fabriko «Ittala», kie, per propraj gapaj okuloj, ni rigardadis la ellaboradon de vitraĵoj, kies inkandeska substanco eltirita per longaj blovtuboj el la fandforno, transformiĝis en plej belajn objektojn. Precipe la virinoj ĝuadis aĉetante tiajn vitrajn ellaboritaĵojn.

Tuj revenintaj, je la 19,30 horo, okazis la fermo de la Kongreso. La estraro informis la ĉeestantaron pri la disvolviĝo de la 31-a, kaj fine invitis nin ĉiujn partopreni en la 32-a, okazonta en Meerdal (Nederlando), ĉe la alloga turisma loko «Amerika», kies dato estos de la 16-a gis la 23-a de majo de la jaro 1980.

La plej malĝoja momento alvenis: tiu de la adiaŭoj. Tamen, ni havas la esperon revidi nin denove en venontaj kongresoj au en aliaj okazintaĵoj de la Esperanto-Movado.

**raportis RAFAEL DEVIS kaj PETRO NUEZ**




# LA KASTELO DE GRESILLON

Sabadella kvinopo, konsistanta el geedzoj Manau-Valor kaj filo, kune kun la subskribinto kaj edzino, staĝis dum 10 tagoj en la Esperantista Kulturdomo «Kastelo de Gresillon», situanta en la franca departamento Majno-Luaro.

La bieno Gresillon, 17 hektarojn ampleksa kuŝas apud la urbo Baugé, meze de densa verdega arbaro kun milda, tre agrabla klimato por ripozado, precipe dum somero. La diversaj instalaĵoj de Gresillon (ĉi tiu nomo, devenanta de la malnova franca lingvo, tradukiĝas en Esperanton: grilo-kantado= ĉirpado) se ne luksaj, estas puraj kaj trafe adaptitaj por kultura domo, kun adekvataj ĉambroj, salonoj, biblioteko, infanludiloj, ĝardeno k.t.p. kio igas la restadon komforta kaj tre plaĉa por ĉiuj, en vera amikeca kunvivado kun diversnaciaj familioj kaj eĉ rasoj, kies nura, ĉiutage parolata lingvo estas la sennacia Esperanto de D-ro Zamenhof. Dum nia dek-taga restado en la Kastelo, de la 25-a de julio ĝis la 3-a de aŭgusto, estis funkciantaj diversgradaj E-kursoj por infanoj kaj plenaĝuloj, kiuj kompetente gvidis S-ino Childs-Mee, instruistino angla, nun loĝanta en Nederlando; S-ino Helena Kristos, franca instruistino, S-ro André Ribot, franca instruisto de lingvoj kaj S-ro Aleksandro Mollison, administranto de «Monda Karuselo» populariga E-magazino, kiun redaktas Akademiano Reto Rossetti. Krome, en tiu periodo estis ĉiutage prezentataj la jenaj klubvesperaj aktivaĵoj: 1 Projekcio de bildoj pri «La internacia infanrenkontiĝo en Gresillon, Pasko 1979», kiun detale komentariis S-ano Le Magadure, franca instruisto; 2 Spektaklo por infanoj, en kiu klaŭnis, kvazaŭ profesiuloj, S-anoj Robert Lloancy kaj Louis Nicolas Babin. Tuj sekve okazis prelego pri Braille kaj la brajla skribsistemo por blinduloj, fare de Marie Burlan, mem blindulino; 3 Post interveno de aŭstralia S-

ino Spencer, kiu bele kantis en Esperanto, oni projekciis la filmon «La Kaverno de la Diablo», kiu temis pri fabrikado de kristalaĵoj; 4 Tiutage la senlaca S-ino Chields-Mee bonege kantis en Esperanto kaj sukcese animis la ĉeestantojn kunkanti.

Kun ŝi alternis geedzoj Fort, prezentante amuzajn ludojn, en kiuj la protagonistoj fariĝis ĉiuj ĉeestantoj; 5 La tutan vesperon oni destinis al oferto kaj konigo de Esperanto-Libroj, inter kiuj estis pluraj ĵus eldonitaj; 6 Post kunkantado gvidata de S-ano Childs-Mee estis legata teksto el «Fiera Ĉevalo» de Pier Jakez Helias, en la Esperanta traduko de S-ano La Magadure, kiu mem ĝin legis. Ankaŭ tekstojn de la fama, jam mortinta verkisto esperantista Raymond Schwart, prezentis S-anoj Robert Lloancy kaj Louis Nicolas Babin; 7 La kutima ĉiuvespera kunkantado antaŭis projekcion de koloraj diapozitivoj pri la Norda parto de Alzacio, kiujn komentariis F-ino Haeusser; 8 Ree kantoj en Esperanto, post kiuj S-ano Jan Bovandeard, ĝenerala sekretario de Belga Esperanto Federacio, lerte gvidis gajigan skeĉojn, kies rolantoj, spontanee elektitaj el la publiko, sukcesis ridigi ĉiujn; 9 Denove kantoj, kaj poste projekcio de la malnova filmo «Angoroj». Malgraŭ tio, ke ĝi estas originale filmita en Esperanto ĝiaj dialogoj apenaŭ aŭdiĝis, eble pro la troa uzado; 10 Prezentado de katalunaj popolkantoj en Esperanto. Kvaropo konsistanta el la hispanaj katalunoj R. Manau Torres kaj la subskribinto kune kun ges-roj Helena Kristos kaj Robert Lloancy, ambaŭ francaj katalunoj, kunkantis la tekstojn de «Montaro de Kanigó» kaj «La paŝtistineto» en Esperanto. Post ioma paŭzo, S-ino Kruse el Germanujo, tre objektive raportis pri sia restado en la Esperanta Institucio «Bona Espero», kiun altruisme oni fondis kaj daŭre administracias la internacia paro Grattapaglia. Ĉi tiu estis la lasta klubvespera aktivaĵo, kiun ni ĝuis kiel staĝantoj de Gresillon.

Krom la menciitaj aranĝoj, oni povis lerni en la Kastelo, librobindadon, manfaradon de artaj ŝnursakoj kaj muntadon de ornamaj kolĉenoj. Niaj edzinoj diligente profitis la lernadon, kiun ili ricevis de S-ino Cheverry kaj venis hejmen kun altiraj memfaritaj artobjektoj. Ankaŭ danke al S-ino Cheverry F.D. de U.E.A. por turismo en Angers, estis organizita aŭtomobila karavano al tiu bela urbo, kie ŝi afable gvidis la diversnaciajn samideanojn tra la labirintoj de grandioza kastelo kaj muzeoj de tre valoraj tapiŝoj kun alegorioj pratempaj kaj modernaj. Turisman broŝuron kun klarigo pri la paneloj de Jean Lurcat, tradukitan en Esperanto de S-ino Cheverry, oni disdonis al ĉiu vizitanto ĉe la eniro.

Dum la restado en Gresillon, ni ofte iris piede ĝis la apuda urbo Baugé; afabla UEA Delegito, la katolika pastro, S-ano León Gaudé, amike nin akceptis kaj orientis.

Baugé, kun 4.000 loĝantoj havas la plej antikvan apotekon el Francujo kaj same ĝi posedas tre grandan kastelon, en kies salonoj —vizitante tre gravan metiistan ekspozicion de diversaj manlaboraĵoj— ni povis sennere konversacii kun du tieaj vendistinoj kiuj bonege parolis esperantlingve. En la ĉirkaŭaĵo de Gresillon troviĝas ankaŭ granda dolmeno, kiu estas vizitata de turistoj diverslandaj.

Finiĝinte nia restado en Gresillon, la 4-an de aŭgusto, ni veturis por ses tagoj al Parizo, kiun kvazaŭ parizano konas nia kunvojaĝinto R. Manau Torres, ĉar ja tie li laboris unu jaron kaj duonon. Jam ĉe la stacidomo nin atendis S-ro Piron, esperantisto tre konata en nia urbo Sabadell.

Krom la gradnombraj artaĵoj de la Ejfeltura urbo, ni vizitis ankaŭ la mauzoleeton al la fama Chopin kaj la monumenton al la Komunumo de Parizo, ambaŭ troviĝantaj apud kie ni loĝis, en la manlnova tombejo «Pere Lachaise» tre proksima al la SAT-sidejo. Tie en Avenuo Gambetta 67 ni salutis ties ĝeneralan sekretarion, k-do Barkovic Bannier kaj la redaktoron de Sennaciulo, N. Barthelmess, kun kiu la SAT-peranto en Hispanio, S-ro R. Manau Torres kaj aliaj geakompanantoj amike konversaciis. Ankaŭ en Parizo ni renkontiĝis kun k-do Ben Alter kaj edzino, SAT-peranto por Israelo, kiujn ni jam konis en Gresillon.

Por fini, mi rekomendas al ĉiu hispana esperantisto staĝadon en tiu Kulturdomo, kie li povos vivi veran samideanecan etoson, sub la lerta gvido de ĝia Direktoro S-no P. Babin, pro kies afableco ree lin dankas nome de la Sabadell-a kvinopo.

**V. Hernández Llusera**

Membroj de M.E.L. kaj de la Poezia Grupo «La Fanega» pozas por Boletín



# NIAJ GRUPOJ

**MADRID.**—La pasintan 24-an de Aŭgusto vizitis la sidejon de Madrida Esperanto Liceo, la japana samideano Takaŝi Ago, membro de Oomoto, kiu prezentis lumbildojn pri sia religio, kiujn li komentis. Post la parolado S-ro Ago ludis per fluto japanajn tradiciajn kantojn.

Membroj de la Grupo pri Poezio «La Trainera» vizitis nian Grupon kaj ili deklamis siajn propraјn verkojn. Je la fino de la deklamado, kiu estis tres interesa ĉar ili kreas novan originalan verkmanieron, la Prezidanto de «La Trainera» donacis al La Liceo kolekton da libroj por nia biblioteko.

Ankaŭ lastatempe ĉiudimanĉe la gejunuloj de nia Grupo propagandas Esperanton en «El Rastro» disdonante afiŝojn, vendante gramatikojn k.t.p.

**ZARAGOZA.**—Post intensa kaj efika informado per la lokaj ĵurnaloj kaj radiostacioj komenciĝis en la sidejo de la veterana Esperanto-Grupo «Frateco» kvar kursoj: Du por komencantoj, unu por progresantoj kaj alia speciala por Profesoroj de Ĝenerala Baza Edukado.

Elsendoj pri Esperanto okazos en Radio Popular de Zaragoza, Radio Barbastro kaj Radio Fraga. Nun oni intencas aperigi la tekston de la kurso en la grava aragona ĵurnalo «Heraldo de Aragón». (Laŭ informo sendita de la Sekretario de «Frateco» S-ro Marco).

**BILBAO.**—La 15-a de Oktobro oni komencis en la sidejo de la Esperanto Grupo de Bilbao Elementan Kurson de Esperanto. La menciita kurso okazas lunde, merkrede kaj vendrede, de la 8-a ĝis la 9-a vespere.

**VALLADOLID.**—Post anoncoj fiksitaj en vendejoj situantaj laŭlonge de la urbo, kaj notoj aperintaj en la loka ĵurnalo, la 15-an de Oktobro komencigis, sub gvidado de S-ano Vicente de la Parte, Elementa Kurso.

La progresantoj kunvenas marde kaj ĵaŭde por praktiki kaj perfektigi la lingvoscion.

**ALICANTE.**—Organizite de la Hispana Sekcio de I.L.E.I. kaj sub la alta protektado de la Provinca Deputitaro de Aliçante, Provinca Delegito de la Ministrejo pri Edukado, Provinca Teknika Inspektoraro de Ĝ.B.E. kaj Ŝparkasoj de Alicante kaj Murcia, okazis speciala Elementa Kurso de Esperanto por Direktoroj, Direktorinoj, Profesoroj kaj Profesorinoj de Ĝ.B.E. de Alicante kaj Provinco (Laŭ Cirkulero sendita de S-ano Zaragoza).

**VALENCIA.**—Lunde, merkrede kaj vendrede okazas en la sidejo de la valencia Esperanta Grupo du Elementaj Kursoj, la unua de la sepa ĝis la oka kaj la dua de la 8-a ĝis la 9-a. Gvidas la kurson Prof. Félix Navarro kaj ĉeestas 75 personoj. S-ro Navarro ankaŭ gvidas tri paralelajn kursojn de la 3-a ĝis la 6-a p. m. marde kaj ĵaude en la Labora Universitato de Cheste kun ĉeesto de pli ol 300 gelernantoj.

En la urbo Buñol la 10-an de septembro, S-ro Navarro parolis pri la utileco de Esperanto antaŭ 50 geinteresatoj, en la konferencsalono de la Urbodomo. La 17-an de la sama monato komenciĝis Elementa Kurso kies gvidantoj estas du esperantistoj de Buñol mem, kaj alia de Cheste. En ĉi tiu kurso partoprenas 30 personoj.

(Laŭ informoj aperintaj en ĵurnalo «Levante» kaj letero de la Grupo de Valencia).

# RECENZOJ, RECENZOJ, RECENZOJ

TRA DEZERTO KAJ PRAARBARO, De Henryk Sienkiewicz.— El la pola originalo tradukita de Profesoro Sygnarski. La libro estas eldonita en la eldonejo Interpress (Varsovio) kunlabore kun «Heroldo de Esperanto» (Bruselo) kaj Pola Esperanto - Asocio dum la jaro 1978 kaj eblis dank al la malavara subteno de la forpasinta Pastro Henryk Paruzel. Lingve reviziita de D-ro Karl Schulze (Berlino) kaj D-ro Ferenc Jaki (Budapeŝto).

Broŝurita: formato 21x15 cm. Mendebla ĉe Libroservo de HEF.

Jen belega, legenda libro pri la naturo, rekomendinda al ĉiuj, sed speciale por la amantoj de la naturo kaj de la aventuroj. Tra la pli ol 300 paĝoj. kiujn ĉiu leganto povas tralegi senhalte, oni ĝuas pro la bonega konstruo de belega esperanto, pro la granda provizo de vortoj rilate al la kreskaĵaro kaj fruktoj de la deserto, pri la arboj, kreskaĵaro kaj fruktoj kaj la belegaj floroj kaj birdoj, multkoloraj de la tropiko kaj ĝangalo.

Temas pri aventuro vivata de du geknaboj forrabitaj al iliaj patroj de beduenoj, kiuj kondukataj de ili tra la senhoma dezerto, iĝas tre streĉa, malfeliĉa kaj neeltenebla dum multe da tempo ĝis kiam la bravega knabo, 14 jaraĝa per pafilo pafas kaj mortigas iliajn rabistojn. De ĉi momento kun la helpo de negro, servisto antaŭe de la rabistoj mem, pludaŭrigas la vojon rajdantaj sur kameloj, tra nekonataj senhomaj regionoj de la negra kontinento kun la senĉesa danĝero ĉiam minacanta, ne nur de la persekutantoj sed ankaŭ de la sovaĝaj bestoj kaj de la negraj triboj kaj plie de malsanoj ki el la beribero (dormomalsano) la cecea malsano (muŝo) ĝis kiam fine, estas savitaj por returni hejmen preskaŭ sen fortoj.

**Recenzis: Luis Martín Herrero**

# LIBRO-SERVO DE H.E.F. NOVAJ PREZOJ

| | |
|---|---|
| Fundamento de Esperanto (Zamenhof) | 523 ptas. |
| Zamenhofa legolibro (M. Kidosaki) | 175 ptas. |
| Vivo de Zamenhof (E. Privat) | 200 ptas. |
| Univox (Colección de discos con texto) | 500 ptas. |
| ABC de Esperanto (Disco flexible) | 104 ptas. |
| Lexicón Sopena | 140 ptas. |
| Lexicón Sopena (Con cubierta de plástico) | 165 ptas. |
| ¿Sabe Vd. Esperanto? (Jorge Hess) | 300 ptas. |

# DEZIRAS KORESPONDI

Hungara lernantino, 17 jaraĝa pri historio, biologio kaj literaturo F-ino Aniko Gombloto, KISUJSZALLAS, Nyar út 16 5.310 (Hungarujo).

Knabino 15-jaraĝa. F-ino Jloma Malozyk, ul. Koscielniska, 81; 43-134 KRAZAY; (Pollando).

14-jaraĝa junulo. Salvador Guillermo, Escultor Canet 20-24 1º 2º BARCELONA-28 (Hispanujo).

Gelernantoj de la Esperanto Grupo «Barcelona Esperanto Centro» Interesuloj skribu al B.E.C. Carreras Candi 34-36 BARCELONA-28 (Hispanio).

F-ino Marijka Siderova, Blok Montaĝl uh G., ap. 4. BG-5500 LOVEC (Bulgario).

S-ro Ellen Aberg, 10 jaraĝa junulo, Tycho Brahes 9, II, S-41.517 GOTEBORG (Svedio).

S-ro Ago Palksaar, str. Kalevi 3033; 202.900 VILJANDI, Estonio. U.R.S.S. Li estas 15-jaraĝa junulo. Komencanto.

Kun hispanaj gesamideanoj, S-ino Marija Pejkova, Ivan Panov, 17; 5.000 VELIKO TARNOVO (Bulgario) ŝi estas instruistino kaj sperta esperantistino.

Ing. Siro Yamasita, Minamikuti 78-14 Kamikema AMAGASAKI (661) Japanujo. Li estas 47-jara inĝeniero de Interna Desegno kaj deziras korespondi bildkarte pri ĉiu temo. Interesas pri Belarto kaj Teknologio.

Inĝ. Kiyosi Saito, Morimoto 2-148 ITAMI Japanujo. Interesas pri pentrado, dekoracio kaj eduko por infanoj. Deziras korespondi pri ĉiuj temoj pere de bildkartoj.

S-ino Paranai Lajosné, Maria u. 39 II, Szemkilinika, 1.085 BUDAPEST (Hungario) 38 jara oftalmologia fakasistantino, pri diversaj temoj. Kolektas bildkartojn.

Por novaj gelernantoj de la «Labora Universitato de Cheste» ni serĉas gekorespondantojn de la tuta mondo, 14 ĝis 40 jaroj. Interesuloj skribu al S-ro Felix Navarro, Calixto III 36 VALENCIA = 8 (Hispanio).

## CUOTAS DE HISPANA ESPERANTO FEDERACIO PARA 1980

Las cuotas establecidas para 1980 son las siguientes:

| | |
|---|---|
| Socio abonados, con derecho a BOLETIN ................ | 500 ptas. |
| Socio protector ................................ | 800 ptas. |
| Socio sin derecho a BOLETIN ................ | 250 ptas. |
| Socios Vitalicios ................................ | 10.000 ptas. |

Suscripción exclusivamente a BOLETIN, que sugerimos como interesante para abonar a nuestros corresponsales extranjeros 350 ptas.

# 21a KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

**RUBI. 29-an kaj 30-an septembro, 1979.**



La Reĝino de la 19-aj Internaciaj Floraj Ludoj, F-ino Pilar Armengol.

Ĉi-jare la Kataluna Esperantista Renkontiĝo okazis en la urbo Rubí, kiu situas meze inter la triangulo Sabadell, Terrassa kaj Barcelono. La festo disvolviĝis en la kadro de la «Kulturdomo» de la urbo.

La okazaĵo komenciĝis la sabato per malfermo de ekspozicio de infandesegnaĵoj en rilato al la Internacia Jaro de la Infano. Poste Petro Nuez prezentis Esperanto-lecionon per rekta metodo montrante al la ĉeestanta publiko la facilecon de Esperanto kaj klarigis tion per multaj demandoj. Sekve la junularo de Centro de Esperanto Sabadell projekciis diapozitivojn kaj filmon pri sia partopreno en la 35a Internacia Junulara Kongreso en Austerlitz (Nederlando) okazinta en la pasinta julio.

La morgaŭa dimanĉo je la naŭa la esperantistoj estis akceptitaj en la Kulturdomo kaj intermeze ĝis la sekva akcepto en la Urbodomo estis celebrita katolika diservo en Esperanto en la Paroĥejo Sankta Petro.

La meson celebris Pastro Casanoves, C.M.F. Legis la unuan legaĵon J. Mª Hernández Izal kaj la duan Gabriel Mora Arana.

Dum sia prediko, Pastro Casanoves en rilato al la esperantistoj diris, ke inter ni ne abundas la riĉuloj. Nia idealo estas liberiga kaj spirita mesaĝo, kaj troa riĉeco sensentigas la homojn. Viaj riĉaĵoj putriĝos kaj por malmultaj tagoj vi ilin kolektas: jen la salajroj, kiujn riĉuloj forprenas de la laboristoj.

Pastro Casanoves memoris la



La Urbestro kaj aliaj konsilantoj bonvenigas la renkontiĝantojn en la Urbodomo.

«Falĉistojn», kiuj ribelis kontraŭ la siatempaj maljustaĵoj, kaj revis por ke maljusteco ne regu sur la Tero. Li plendis pri la fanatikeco kaj menciis la evangeliajn vortojn: «Kiu ne estas kontraŭ ni, estas kun ni». Tiu fanatikeco, kiu suferis la kristanoj mem per reciprokaj ekskomunikoj kaj eĉ militoj.

Disvastigu nian horizonton. Kristanoj klopodu por ke en la tuta mondo unu amu la alian kaj la popoloj faru en konsento unu grandan rondon familian.

Inter la preĝoj estis speciale menciita la esperantista pioniro Josep Anglada, kiu forpasis la pasinta dimanĉo.

Okaze de la akcepto en la Urbodomo de Rubí sidis ĉe la estraro la veterana esperantisto de Rubí Petro Escayol. La urbestro Miguel Llugany i Paredes prononcis en sia akceptparolado, vortojn de espero pri la civitana solidareco kaj pri la solidareco inter la homoj kaj inter ĉiuj popoloj el la mondo kun la deziro pri pli justa socio, en kiu malaperu la restaĵoj de maljusteco.

Petro Nuez je la nomo de la Kataluna Esperantista Komitato esprimis la senton, ke baldaŭ renaskiĝu la Esperantista Grupo de Rubí. Li atestis, ke foliumante ekzempleron de la revuo Kataluna Esperantisto el 1926 li trovis kiel reprezentanto de la Grupo de Rubí al la tiamaj «Floraj Ludoj» S-ro Derna. Tiu sinjoro ankoraŭ vivas kaj ĉeestis la inaŭguron de la nuna renkontiĝo. Petro Nuez sugestis la fondiĝon en la Kulturdomo de Rubí de nova esperantista grupo kaj donacis al la urbestro «Katalunan Antologion».

La urbestro reciproke faris donacon al la esperantistoj: Llibert Puig, kiel reprezentanto de Centro de Esperanto Sabadell; Salvador Aragay de Centro de Esperanto Barcelono; Miguel Vilagrán, «Amikoj de UNESKO»; kaj Manuel Cabanyes, de Foment Martinenc.

Kvazaŭ manifestacie ni iris al la

nomota strato Zamenhof. La urbestro malkovris la nomtabulon kaj pri tio diris: «Rubí retrovas parton el sia tradicio». Fernández Jurado parolante nome de la maljunaj esperantistoj menciis niajn ĉiujarajn renkontiĝojn kaj atentigis, ke la najbaroj de tiu ĉi strato estas honorigitaj per la nomo de unu el la plej bonaj homoj, Zamenhof, kiu donacis tiun laborilon por la komprenado, t.e. Esperanto. Ĝi malaperigas la babelturon donacante al ĉiu homo, aparte de lia propra patrina lingvo, neŭtralan idiomon kun ties interna ideo por interfratiĝo de ĉiuj homoj el la mondo.

Ni revenis al la Kulturdomo por ĉeesti la 19-an Internacian «Florajn Ludojn en Esperanto, kie Salvador Gumá disdonis diplomojn al la sukcesintoj de Esperanto-Kurso de «Amikoj de UNESKO».

Gabriel Mora i Arana en sia parolado unue dankis tiujn samideanojn, kiuj antaŭe kuraĝis ĉiujare alvoki la «Florajn Ludojn», ek de la Kvina Esperantista Kongreso en 1909 ĝis la Kataluna Kongreso en 1936. Dank al ili ni ankaŭ kuraĝis alvoki verkistojn. Li rimarkis, ke la Festo ne okazis dum la lastaj jaroj; ĝi nur reviviĝis pasintjare en Tortosa.

Dankeme li rememoris la esperantiston F. Pujula i Valles, kiu estis la iniciatinto de la unua Internacia «Floraj Ludoj» en 1909. Mora Arana skize rakontis la historion de la Katalunaj «Floraj Ludoj» starigitaj de la reĝo Johano 1ª, antaŭ 600 jaroj. La katalunaj «Floraj Ludoj» havis lasttempe kontraŭantojn kaj oni devis ilin soleni eksterlande. Post la klarigo pri la signifo de la «Floraj Ludoj» li legis la verdikton pri la ĉi-jaraj premiitaj.

Oscar Otero, anstataŭante la gajninton, akompanis la Reĝinon Fino Pilar Armengol al la trono kaj



**Parta vidaĵo de la partoprenantaro dum la Floraj Ludoj.**

legis la premiitan poeziaĵon: «Mi vin amas».

Pastro Casanoves prezentis la veteranan esperantiston Salvador Gumá, skizis liajn travivaĵojn kaj agadon, kaj rimarkis, ke Gumá meritas esti akademiano de Esperanto kiel posteulo de Delfí Dalmau.

Salvador Gumá rakontis anekdoton pri la Esperantaj Floraj Ludoj kaj menciis la lastan paŭzon de kvardek jaroj. Tiu paŭzo ne estas la unua de la Floraj Ludoj. Tiuj estas antikvaj, naskiĝis en iu aprilo en Romo antaŭ 2.000 jaroj. Poste la Araboj reprenis la Florajn Ludojn en Kordovo, Granado kaj Toledo. En Toulouse, en la epoko de la okcitanaj trovatoroj, ili vere floris kaj Johano 1º starigis ilin en Barcelono. Post la mezepokaj Ludoj sekvis paŭzon de 300 jaroj.

La Floraj Ludoj ne estas kaprico, ili daŭris 2.000 jaroj kaj la kataluna kaj la esperanta literaturo havas rajton ilin celebri. Guma parolis pri humanismo kaj ties rilato kun la kristanismo, tial ke la kristanismo prezentas kolekton de moralaj instruoj. Ni devas labori por unueca mondo kaj por la humanismo kaj preventi la ruiniĝon de nia movado fare de alfabetaj kaj gramatikaj ŝanĝoj, kaj la miksiĝo kun ĝi de politikaj partioj. Ni gardu la lingvan unuecon kaj konsideru, ke Esperanto estas destinita por ĉiuj homoj. Ke la Floraj Ludoj fariĝu ĉiujare pli brilaj kaj sukcesaj ¡Vivu la Reĝino!

Poste oni deklamis la poeziaĵojn kaj legis la novelojn de la eksterlandanaj gajnintoj. Legis sian gajnintan poemon, subpremio Jasmeno, la barcelonano Josep Ferrer Serrano.

Petro Nuez finis la Feston per dankparolado. Post lego de letero de la Prezidantino de HEF, kiu bedaŭris ne povi ĉeesti, li memoris la 5-an Internacian Kongreson de Barcelono en 1909 kun la ĉeesto de Zamenhof, kaj ankaŭ la tiaman agadon de Frederich Pujulá i Vallés. Li parolis pri la kataluna poezio aŭ «Gaja Scienco», tiel nomata en la trovatora epoko, kaj nome de la Kataluna Komitato dankis la aŭtoritatulojn kaj la ceterajn ĉeestantojn.

Ĉiuj starante, estis Kantata «La Espero» kaj «La Falĉistoj».

Jam posttagmeze okazis la frateca kunmanĝado en restoracio. Ĉe ĝia fino S-ro Hernández Izal, la fondinto de la premio «Klara Silbernik», liveris la koncernan medalon al la S-ino Carmen Argemí, vidvino Delfí Dalmau. Paroloj de gravaj samideanoj rememoris tiun elstaran kaj esperantan akademianon.

**G. Moya**

**Carme Argemí, vidvino de Prof. Delfí Dalmau, ricevinte la madalon Klara Silbernik kun aliaj katalunaj pioniroj.**

# HEROLDO DE ESPERANTO

Kiel la tuta Esperanto-gazetaro anoncis, «Heroldo de Esperanto», la plej disvastigita sendependa internacia gazeto en la internacia lingvo, translokiĝis komence de aprilo al Madrido.

Kiel ĉiuj esperantistoj scias, «Heroldo de Esperanto» estas la plej ofte aperanta, sola grandformata Esperanto-gazeto, kiu venont jare en aprilo festos 60 jarojn de sia ekzisto.

Por la hispanoj la abono por 1980 iom malaltiĝis kaj ĝi estas **950 pesetoj** pageblaj al la Peranto, **S-ro L. Serrano Perez, Font Nova 32, SABADELL.**

Novaj abonantoj, kiuj pagos nun por 1980, ricevos la lastajn ĉijarajn numerojn senpage: ekde la momento de abono ĝis la fino de la nuna jaro (ĝis elĉerpiĝo).

Valoras aldoni, ke «Heroldo» planas eldoni altnivelan lernolibron de Esperanto por hispanlingvanoj: ĝi atendas sinproponojn de kvalifikitaj aŭtoroj prefere lingvo-instruistoj.

Kun sinceraj salutoj

# SCIU, KE:

Dum la antaŭa jaro en la revuoj, «EIEN», «Bicicleta» kaj «Infinitum», aperis regulaj informoj kaj kursoj de Esperanto.

Ĉijare la revuo «Nueva Epoca» publikigas E-Kurson. Aĉetu ĝin en la librovendejoj kaj kioskoj.

---

Komerca entrepreno de «Sant Sadurni d'Anoia (Barcelona Provinco) disvendas ĉampanon «Esperanto». Aĉetu botelon okaze de la festotagoj de la Nova Jaro.

---

La Internacia Polica Asocio enhavas en sia emblemo la frazon:

«SERVO PER AMIKECO»




---

La tagon 25-an de septembro okazis vigla kaj interesa konversacio en «Radio Nacional» pri Esperanto, danke al la sukcesa rezulto de interesa informo pri nia internacia lingvo aperinta en la ĵurnalo «El Pais» la tagon 12-an de aŭgusto. La du menciitajn aranĝojn organizis Madrida Esperanto-Liceo kaj Hispana Instituto de Esperanto.

---

La lasta eldonaĵo de nia «Eldona Fako de H.E.F.» estas verko, kiu enhavas la premiojn pri 18-aj Internaciaj Floraj Ludoj okazintaj en Tortosa.

---

La plej venditaj E-verkoj en «Llibreria Esperanto» dum la monato septembro estis: «Asteriks la Gaŭlo» kaj «18-aj I.F.L.».

**La estraro de H.E.F. kaj la Redakcia Komitato de BOLETIN deziras al vi agrablan Kristnaskon kaj prosperan Novan Jaron 1980.**

**Interveno de S-ro Robert Muller, Sekretario de Ekonomia kaj Socia Konsilio ĉe U.N., dum la solena Inaŭguro.**

**La pioniro Salvador Gumá de Reus festparolas dum la 19-aj Internaciaj Floraj Ludoj.**